# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

32a jaro Januaro-Februaro 1980 N-ro 1



HET MEERDAL

32-a IFEF - kongresejo

## ĈU IFEF MALRESPEKTAS LA FISAIC-STATUTON?

La "Svisa Fervojisto" de dec. 79 prezentas bone verkitan raporton de Kurt Greutert pri la aŭtuna ĝeneralkunveno de la FISAIC en Svisio. Fine de la raporto ni legas: "Oni plendas, ke IFEF-prezidanto Giessner jam plurfoje ne respektis la necesajn limdatojn por postuli konsenton antaŭ transdono de FISAIC-medaloj. Per tio li malebligas demokratajn decidojn. La FISAIC-estraro estonte .... ne plu toleros esceptojn."

Ŝajnas esti necese iom klarigi la situacion. La faktoj estas jenaj:

- La unua IFEF-kongreso, kiu oficiale okazis sub aŭspicioj de la FISAIC estis 1967 en Fulda. Tiam la FISAIC-prezidanto d-ro Schlesser la unuan fojon distingis 3 meritplenajn IFEF-anojn per FISAIC-medaloj.
- La FISAIC-statuto en sia regularo al paragrafo 14 antaŭvidas medalojn principe por konkursoj kaj ekspozicioj, sed ne pro meritoj. Tamen siatempe FISAIC kaj IFEF interkonsentis (ĉar IFEF ne povas okazigi resp. konkursojn), ke ankaŭ IFEF-anoj kun meritoj ĉefe sur internacia nivelo ricevu medalojn.
- Sekve en la protokolo de la FISAIC-ĝeneralkunveno de Lunteren (1970) estas fiksite, ke la esperantistoj estonte (ek de 1972) por periodoj de po 3 jaroj havu rajton je 3 medaloj (po 1 ora, arĝenta, bronca). Sekvas la frazo: " La decidon oni lasos al la prijuĝo de la IFEF-estraro" - (franca teksto: "leur octroi étant laissé à l'appréciation du Comité de l'IFEF"). Oni nek postulis, ke por ĉiu medalo estu sendata al la FISAIC aparta petskribo nek tempolimojn.
- La IFEF-estraro konsekvence regule en sia aŭtuna kunveno decidis ĉu aŭ ĉu ne en la venonta kongreso okazu distingo kaj poste sendis leteron al la ĝenerala sekretario de la FISAIC kun peto, enmanigi la medalon kaj dekreton al la sekretariejo de IFEF. Same ni petis la FISAIC, sendi reprezentanton por digne transdoni la medalon. Krome la resp. IFEF-landa-asocio estis petita pro konsento kaj sciigi la planon al sia propra FISAIC-sekcio, kiu ja ĉiam konas la distingotan personon.
- Por certigi, ke nur vere meritplenaj IFEF-anoj povas ricevi tian medalon, la paragrafo 3 de la IFEF-statuto enhavas resp. preskribojn.
- La afero funkciis ĝis 1975. Tiam evidentiĝis en voĉdonado de FISAIC-ĝeneralkunveno pri medaligo, kiun origine ne estis proponinta la IFEF-estraro, ke por la deligitoj en tia kunsido, kiuj tute ne konis la distingotan esperantiston, simple ne eblis havi klaran opinion. La (laŭ ni sufiĉe hontinda) rezulto de la voĉdonado estis por la propono 6, kontraŭ 2, sindetenoj 5.
- Por eviti ripetadon de tia malagrablaĵo, la IFEF-prezidanto sub dato de 22.3.76 sendis leteron al la ĝenerala sekretario de la

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Sekretariejo: E. Kruse, Wienerstr.121, D-6000 Frankfurt/Main 70
Redaktoro: Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, F 78420 Carrières/Seine
Bankkonto: Provinsbanken, Konto 7353-350550, DK 9800 Hjørring.

FISAIC kun la peto, ne postuli, ke IFEF por ĉiu unuopa medaligo denove formale devas sendi petskribon, ĉar laŭ protokolo de Lunteren ja la IFEF-estraro respondecas, kaj oni povas eviti superfluan administran laboron. Krome - kaj tio ŝajnas al ni la plej grava punkto - oni ne povas postuli de la FISAIC-delegitoj, ke ili voĉdonas pri la meritoj de personoj, kiujn ili tute ne konas. Tiu letero bedaŭrinde neniam estis respondita. Sekve IFEF daŭrigis kiel antaŭe, petante la medalon en la vintro antaŭ la IFEF-kongreso.

- Novaj malfacilaĵoj ekestis en Turku 1979, kie samtempe kun nia kongreso okazis la prezidantara kunveno de la FISAIC. Tie oni komprenigis al la IFEF-prezidanto, ke por medaligo necesas antaŭa konsento de la ĝenerala kunveno de la FISAIC, kiu regule okazas en aŭtuno. La tagordon por tiu kunveno preparas la antaŭa prezidantara kunsido, regule en printempo. Ties tagordo estas starigata komence de printempo. Sekve la antaŭa estrarkunsido de IFEF, regule en aŭtuno, devus decidi pri medaligo, kiu fakte antaŭvidiĝas por kongreso 1 1/2 jarojn poste, nur por povi sufiĉe frue envicigi ĝin en la FISAIC-tagordojn. Tio plej ofte simple ne eblas.
- Sub dato de 4.8.79 la IFEF-prezidanto pro tio denove skribis al la ĝenerala sekretario de la FISAIC en simila senco kiel ĉisupre priskribita kaj precipe substrekis, ke laŭ nia opinio la protokolo de Lunteren donis blokan ĝeneralan konsenton favore al decidraĵto de la IFEF-estraro. Krome li akcentis, ke pro la longegaj tempolimoj medaligoj estonte ofte estos malhelpataj.
  Ankaŭ tiu letero ĝis nun ne estas respondita.
- Sed venis la protokolo de la prezidantara kunsido en Turku, en kiu la FISAIC denove postulas la supre menciitajn limdatojn.

La protokolon de la ĝenerala kunveno en Svisio ni ankoraŭ ne ricevis. El la raporto de Greutert ni tamen devas konkludi, ke simila opinio estos legebla en ĝi. La supraj detaloj klare montras, ke la IFEF-prezidanto - kiu ja nur agas kiel reprezentanto de IFEF - faris ĉion, por krei klaran situacion. En America ni sendube denove devos trakti tiun ĉi problemon, bedaŭrinde.

Giessner
prezidanto

---

NI DENOVE BONVENIGAS BULGARION

Laŭ interkonsento inter la prezidanto de IFEF kaj la nova prezidanto de la Fervojista sekcio ĉe Bulgara Esperantista Asocio, s-ro Marin Marinov, la IFEF-kasisto en aŭgusto 1979 ricevis kotizojn por provizore 20 bulgaraj membroj por 1979 kaj 1980. Sekve la decido, formulita en la kongresprotokolo de Roma sub pkt. 6 nepublika kunsido, laŭ kiu la membreco de Bulgario ripozas, ne plu validas. Ni ĝoje povas konstati, ke ekde septembro 1979 denove ekzistas landa asocio Bulgario en IFEF. Ĝia oficiala adreso estas:

Bulgara Esperantista Asocio
por Fervojista Esperanto-sekcio
PK 66, Sofia.

Ni diras "Bonvenon" kun la espero je baldaŭa revido en kongreso.

estraro

# 32a IFEF KONGRESO EN NEDERLANDO

16a - 22a de majo 1980

Adreso de LKK: 32a IFEF-kongreso, Julianaplein 2, NL-1097 DN Amsterdam

Vidu ankaŭ la informojn en IF n-roj 5 kaj 6/1979.

Kotizo. Ĝis la 1-a de marto la kongreskotizoj restos gld. 60.- resp. 30.- kaj 75.-.
Ĝis la fino de la jaro 1979 aliĝis 250 kongresanoj. Ni rezervigis sufiĉe da bangaloj por loĝigi certe ankoraŭ ĉirkaŭ 100 partoprenantojn.
Aliĝu antaŭ la 1-a de marto kaj legu bone la aliĝilon! Sendu prefere la monon pere de poŝta servo al nia poŝtĉekkonto n-ro 4182633.
Sendado pere de bankĉeko kostas tempon kaj monon!



Unu bangalo por la kongresanoj

Vojaĝeblecoj. La stacidomo Horst-Sevenum situas sur la linio Venlo-Eindhoven; haltas nur la ordinaraj trajnoj, kiuj forveturas dum la tuta tago ĉiuhore ek de Venlo je -56' kaj ek de Eindhoven je -57'; veturdaŭro Venlo ĝis Horst-Sevenum 9 minutoj kaj de Eindhoven ĝis Horst-Sevenum 26 minutoj.
Alveninte el FRGermanio laŭ la limstacio Kaldenkirchen oni atingas Venlo je pr. 20 min. post la horo: oni trapasu la doganejon kaj atendu la trajnon forveturontan je -56' en la direkto Eindhoven (-Hago).
Dum la tuta tago je vendredo la 16-a de majo kunlaboranto de LKK ĉeestos en la stacidomo de Venlo kaj kompreneble ankaŭ en Horst-Sevenum.
Alveninte el Belgio (Francio, Hispanio, parte Italio) oni povas vojaĝi tra la limstacioj (Liège, Visé) Maastricht aŭ tra (Bruselo, Antverpeno, Essen) Roosendaal.
Tra Roosendaal estas la plej grava trafiko. Ĉiuj rektaj trajnoj de Parizo al Nederlando veturas laŭ la vojo Bruselo-Roosendaal.
Precipe grava estos la trajno n-ro 283, kiu forveturos ek de Parizo Norda stacidomo je 10.30 h. kaj alvenos en Roosendaal je 14.34 h.
Ĉar ni supozas, ke la hispana karavano vojaĝas per tiu trajno, LKK-kunlaboranto ĉeestos en Roosendaal por akompani la grupon! Oni forveturos ek de Roosendaal je 14.54 h. al Breda (alveno 15.12 h). Ek de Breda la karavano vojaĝos per trajno 2521 (al Kolonjo) f. 15.40, kiu eksterordinare haltos en Horst-Sevenum je 16.55 h. Alveninte per aliaj trajnoj en Roosendaal oni vojaĝu al Breda (f. -43') kaj en Breda oni prenu la ordinaran trajnon al Venlo, kiu forveturas ĉiuhore je -04' kaj alvenos en Horst-Sevenum post 79 minutoj je -23'.
Vojaĝante laŭ Maastricht oni trajnŝanĝu en Maastricht kaj en Eindhoven aŭ en Maastricht, Roermond kaj Venlo. Alvenas en Maastricht nur unu rekta trajno el Italio, Francio: trajno 296 de Genova-Milano, Basel-Strasburgo-Metz-Luksemburgo-Liège, Maastricht a.15.21 h.
Tra Roermond kaj Venlo oni atingos Horst-Sevenum je 17.05 h.

Du ĝeneralaj rimarkoj:
1. Pro la fakto ke nun ankaŭ FRGermanio enkondukos la someran horindikon la horartabelo ne ŝanĝiĝos antaŭ la 31-a de majo (do ankaŭ post la 6-a de aprilo nenio ŝanĝiĝos).
2. Se vi havas demandojn pri via vojaĝo, turnu vin ĝustatempe al LKK.
Relegu la komunikojn en IF n-roj 5 kaj 6/1979.

LKK

## LA REGIONO DE NIA 32-a IFEF-KONGRESO

America situas en pejzaĝo kun la nomo "De Peel". "Peel" estas malseka torfmarĉo. Tiu regiono etendiĝis laŭ 50 km-oj de la urbo Weert en la sudo ĝis la urbeto Grave ĉe Mozo en la Nordo; la limo inter la provincoj Noord-Brabant kaj Limburg estas meze en tiu regiono. Sed hodiaŭ kompreneble ni parolu pri la eks-torfmarĉo, ĉar dum la lasta jarcento ĝi aliiĝis en erikejoj kaj en arbaroj aŭ agrikultura tero.
La estiĝo de torfmarĉo komenciĝis pr. antaŭ 8000 jaroj; grandan influon dum la diversaj geologiaj epokoj havis la ambaŭ riveroj Mozo kaj Rejno. Pro multjara "raba" kultivado en la arbaroj, ĉi tiuj arbaroj malaperis kaj aliiĝis en erikejoj kun ŝafoj, kiuj sterkigis ĉiam la grundon. Sed pr. je 1900 pro la uzado de artefarita sterko la ŝafoj malaperis, sed ankaŭ la "sovaĝaj" grundoj. Post la jaro 1900 la rekultivado de arbaroj komenciĝas. La grandaj, silentaj erikejoj malaperis, sed tamen nuntempe ĉi tie ekzistas belegaj rekreaciaj terenoj por promenadoj ktp. Pri la torfmarĉo ankoraŭ restis du originalaj restaĵoj, kiuj estas viziteblaj: la "granda Peel" (apud Asten) kaj "Mariapeel" en la komunumo Horst pr. 10 km-oj for de America.
Ĉu vi sciis, ke la estiĝo de torfo okazis pere de la malgranda muskovario kun la latina nomo "Sphagnum"?
Nur ek de la 15-a jarcento oni elfosis la torfon; sed nur tiom kiom oni bezonis por la enloĝantoj de la regiono mem. Grandskale i.a. por eksportado, la ekspluatado nur bone komenciĝis ĉirkaŭ la jaro 1850! Oni fosis kanalojn tra la tuta tereno per kiuj la ŝipoj facile povis atingi ĉiujn lokojn. En la jaro 1866 la fervoja linio Eindhoven-Venlo estis preta, kaj la stacio Helenaveen ekspedis multfoje 100 vagonojn en unu tago kun torfaĵo! Tio estas pasinteco!
Kio restis estas la t.n. nigra torfmarĉo, produkto ege taŭga por la kulturo de ĉampinjonoj. Pro tio oni trovas en la regiono America/Horst multajn kultivejojn por ĉi tiuj fungoj. Tuj apud nia bangalaro t.n. provstacio por ĉi tiu kulturo troviĝas; ĝi estas vizitebla.
Je distanco de pr. 15 km-oj sudoriente de Horst troviĝas la urbo Venlo apud la limo kun FRGermanio. Ĝi estas grava fervoja nodo: orienten la linio al Kolonjo, okcidenten al Eindhoven (-Breda, Rotterdam, Hago), norden al Nijmegen (-Arnhem), suden al Roermond (-Maastricht).
La plej granda parto de la perfervoja vartransporto inter la mondhaveno Rotterdam kaj FRGermanio okazas laŭ la limstacio Venlo. Ĝis la dua mondmilito Venlo eĉ havis du fervojajn liniojn al FRGermanio: tra Kaldenkirchen al Mönchen=Gladbach-Kolonjo kaj tra Straelen al Krefeld-Duisburg. Venlo kun la antaŭurbo Blerick situas sur la bordoj de la rivero Mozo: ĝi estas komerca kaj kultura centro de la regiono. Ĝi posedas belegan urbdomon el la 17a jarcento kaj modernan trafikliberan butikkvartalon.
Okcidente de Horst troviĝas la pli granda urbo Eindhoven je distanco

de pr. 40 km-oj. Eindhoven estas la urbo de Philips kaj pro tio ofte nomita lumurbo. La nuna mondkoncerno de Philips estis fondata en Eindhoven en la jaro 1891. La fondinto estis la bankisto F. Philips, sed estis lia filo inĝ. Anton Philips, kiu sukcesis disvastigi la modestan fabrikon (26 laboristoj) ĝis la mondvasta konzerno de hodiaŭ. En ĉi tiu urbo troviĝas "Evoluon", konstruaĵo fondita en la jaro 1966, en kiu estas permanenta ekspozicio por montri la rilatojn inter la homo kaj la teknikaj eblecoj. La konstruaĵo similas flugantan pladon sur 12 V-formaj pilonoj.
La urbo Eindhoven (185.000 enloĝantoj) estas moderna urbo; forlasinte la (ankaŭ modernan) stacidomon oni troviĝas en tute nova butikkvartalo kun grandaj magazenoj kiel ekzemple "Bijenkorf".
Ankaŭ Eindhoven estas grava fervoja nodo kun rektaj trajnoj al: Maastricht, Venlo (-Kolonjo), Utrecht-Amsterdam, Rotterdam-Hago. Sur ĉiuj linioj veturas minimume du trajnoj ĉiuhore (al Utrecht: 4), sed por atingi Horst-Sevenum oni povas preni nur la ordinarajn trajnojn, kiuj forveturas je -57', ĉar la trajnoj je -27' estas rektaj trajnoj al Kolonjo kaj ne haltas en Horst-Sevenum.

Dum la kongreso vi certe havos la okazon viziti la urbon Eindhoven.

Wim L.van Leeuwen

## EKSKURSOJ EN LA 32-a IFEF-KONGRESO

Duontagan ekskurson ni faros al la Evoluono en Eindhoven. Tiuj, kiuj ne deziras viziti la Evoluonon tamen povas partopreni la ekskurson al Eindhoven kaj tie vagi tra la granda urbo kaj eventuale butikumi. Tiuj ĉi partoprenantoj ne bezonas pagi la enirprezon de la Evoluono.

**La Evoluono estas malgranda mondmirindaĵo.**

Esti mirigata pri kio la homo povas elpensi; travivi la rezultojn de la moderna scienco, promenadi tra la rimarkinda mondo de la ŝvebanta Evoluono ...

**Unika spektaklo.**

Kio estas la Evoluono? Ĝi estas ekspozicio dediĉita al la homa sagaco, la evoluado de Scienco kaj tekniko en nia rapide ŝanĝiĝanta socio. Ĝi estas impona spektaklo de sono, koloro kaj movo. Tamen, ĝi estas alia ol vi imagas. Ne necesas nur rigardi kaj aŭskulti; laŭdezire vi povas ankaŭ "ludi", mem eksperimenti kaj funkciigi aparatojn. Vi povas ekzemple testi vian memorkapablon kaj reakci-rapidecon kaj mem labori per komputero. Multe, tre multe vi povas travivi en la Evoluono. Kunportu viajn foto- kaj filmaparatojn, ĉar vi povas ilin intense uzi: Estos neforgesebla posttagmezo!

**La Evoluono paŝon post paŝo.**

Kompreneble vi povas rigardi la Evoluonon laŭ via propra maniero kaj plaĉo. Unue vi povas kvazaŭ sencele iome rondvagadi helpe de vojmontrilo ricevebla senpage en la informejo. Vi povas preni el ĝi la temojn pri kiuj vi speciale interesiĝas aŭ sekvi niajn gvidantojn:

- La apero de la homo sur la tero kaj la sekvoj de tio. La troloĝateco. La daŭre pliakceliĝanta ŝanĝo de nia socio.
- Nia mondo. Problemoj kaj eblaj solvoj, polucio, nutraĵ-produktado, trafiko kaj komunikado, loĝado kaj urbokonstruado.
- Scienca esplorado, bazo por novaj evoluoj.
- Aplikado de la scienco sur la te-

reno de lumo, sono, elektroniko, krudmaterialoj kaj fabrikado.
- La rolo de la industrio en la evoluado de nia socio. La homo en la entrepreno.
- "Preludo de la Tekniko", scienco kaj tekniko ludeme tuŝita.
- La biblioteko kaj la ĉiutagaj filmprezentadoj.

VI ESTAS KORE BONVENA.

Ero el la ekspoziciaĵo.
La mondo, nia mondo.
Ni staras antaŭ figurado de la historia evoluado de la tero sur kiu ni vivas. Tiu tero ekhavis nur post miloj milionoj da jaroj sian nunan formon. En komparo kun tiu longa tempo de ĝia ekzisto, pasis nur mallonga tempo ke vivantaj estaĵoj aperis sur la tero. La unuaj homoj aperis en ankoraŭ multe plimalfrua tempopunkto sur la teron. En la historio de la tero aperis la unuaj homoj en la plejlasta momento.
Io pri la ĉeesto de homoj - en por niaj ideoj malproksima pasinteco - montriĝis el hieroglifoj en rokojn gravuritaj kaj el kelkfoje trovitaj bildetoj de fekundec-diinoj, de kiuj vi ĉe la dekstra flanko povas vidi muldaĵon kaj ege pligrandigitan modelon.
La diverseco laŭ formoj kaj koloroj de plantoj, bestoj kaj eĉ de materioj, kiujn ni kalkulas al la senviva naturo, estas surpriza. Plej okulfrapa eble estas la senco por ordo kaj regulecaj formoj, kiujn ni trovas en la naturo kaj de kiuj vi povas trovi dekstraflanke kelkajn ekzemplojn en la vitraj ŝranketoj antaŭ la granda foto-vando.

************************************************************

# KONGRESPROPONOJ

Propono n-ro 1.
La IFEF-estraro petas decidon de la komitato, ĉu la membreco de la rumana landa asocio en IFEF ankoraŭ daŭru aŭ ne.
Komentario. Ekde 1969 ekzistas rumana landa asocio de IFEF. La kotizojn ĉiam pagis adoptantoj el diversaj landoj. Dum jaroj la estraro kaj aliaj personoj klopodis trovi solvon, laŭ kiu la rumanaj kolegoj povus pagi mem siajn kotizojn. Bedaŭrinde ni neniel povis konstati pozitivan reagon spite al oftaj skribaj admonoj, en 1979 trifoje. La estraro opinias, ke ne por daŭro landa asocio povas ekzisti ekskluzive per adoptaj kotizoj kaj sen videbla volo, mem almenaŭ partopreni en la pagado. Pro tio ni esploru, ĉu paragrafo 10(2)d) de la statuto estu aplikata.
Propono 2.
Por akiri plijuniĝon de nia federacio, AFEF proponas:
Ĉiu landa sekcio de IFEF subtenu laŭeble finance 3-5 gejunulojn (ĝis 28 jaroj), por ebligi al ili la partoprenon de la kongresoj. Por la decido ne estu kondiĉo, ke ili jam (flue) parolas Esperanton.
Komentario: Ne estas solvo proponi, ke la junularo - se la kongresoj estas tro multekostaj por ili - simple ne partoprenu kaj elektu TEJO-tendaron ktp. Tiamaniere ni riskas, ke en proksima estonteco la junularo tute mankas en niaj vicoj. La plenumo de la kongrespropono celas altiri kunlaborantojn por IFEF.

Propono n-ro 3.
Komitatano L. de Sutter (Belgio) en sia funkcio kiel ĉefkomitatano proponas:
Reelekti la ĝisnunajn estraranojn J. Giessner (prezidanto), H. Hauge (ka-

sisto) kaj G. Delaquaize (redaktoro). De ili ne venis demisioj. Tiamaniere ni dankos ilin pri la ĝisnunaj fruktedonaj servoj.

Propono n-ro 4.
Komitatano L. de Sutter (Belgio) proponas elekti la kolegojn Per Engen (Norvegio) kiel vicprezidanton kaj E. Henning Olsen (Danio) kiel sekretarion de IFEF. Vivpriskribojn vidu aliloke.
Komentario. La nunaj vicprezidanto W. van Leeuwen kaj sekretariino E. Kruse laŭstatute deklaris siajn demisiojn. Jam en la kongresoj de Romo kaj Turku kaj laste per cirkulero, oni atentigis la komitaton kaj landajn asociojn pri tiu fakto. Krom la du proponitaj kolegoj neniu alia persono deklaris sin prета kandidatiĝi por unu el tiuj du oficoj.

Propono n-ro 5.
Komitatano G. Ritterspach proponas: La Regularo por la Terminara Komisiono (Aldono IV de la Statuto) estu kompletigata per jenaj aldonoj:
(3) g) eldoni laŭbezone internacian komunikilon "Terminara Kuriero" (Te Ku).
(4) c) redaktoro de la Terminara Kuriero (Te Ku); nuna c) fariĝu d).
(6) La unua frazo tekstu: "La elekto de la gvidanto, de la sekretario kaj de la redaktoro de Te Ku okazas ..."
(11) je la fino oni aldonu "... aŭ en la Terminara Kuriero".

La ĉefkomitatano
Lucien de Sutter

**********************

# TAGORDOJ POR LA KUNSIDOJ DE LA 32a IFEF-KONGRESO

Kunsido Estraro/komitato
(nepublika)
1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Diskuto estrarelekto
3. Honorigoj
4. Diskuto kongresproponoj
5. Diskuto Budĝeto 1981
6. Situacio en diversaj landoj
7. Diskuto pri venontaj kongreslandoj
8. Eksteraj rilatoj
9. Eventualaĵoj

Plenkunsido en 2 partoj
(publikaj)
1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Ricevitaj telegramoj, leteroj
3. Raportoj estraraj
   3.1 de sekretariino
   3.2 de redaktoro
   3.3 de kasisto
4. Protokolo Turku
5. Raporto pri la komitata laboro
6. Resumo pri raportoj landaj asocioj
7. Raportoj de komisionoj resp. komisiitoj
   7.1 Terminara Komisiono
   7.2 Fakprelega Komisiono
   7.3 Historio-Komisiono
   7.4 Koresponda Servo
   7.5 Komitatano A de UEA
8. Estrarelekto
9. Rilatoj al aliaj organizoj
   9.1 UEA - UK Stokholmo, nova statuto
   9.2 FISAIC
10. Kongresproponoj
11. Budĝeto 1981 kaj kotizkonfirmo
12. Elekto de revizoroj
13. Laborplano
14. Venontaj kongresoj
    14.1 Elekto de loko por 1981
    14.2 Elekto de lando por 1982
    14.3 Diskuto pri postaj ebloj
15. Internacia Skisemajno 81
16. Libera diskutado

**Kunsido de la Fakprelega Komisiono**

1. Raporto pri la pasinta jaro
2. Organizo kaj aranĝo de fakprelegoj.
3. Regularo kaj Gvidlinioj por okazigo de fakprelegoj. Ĉu io aldonindas?
4. Prelegotemoj kaj kunhelpantoj por la venontjaraj kongresoj
5. Libera diskutado

Gunnar Thuesen, gvidanto

**Kunsido de la Historio-Komisiono**

1. Raporto de la gvidanto
2. Diskuto pri la ĝisnuna laboro
3. Diskuto pri la taskoj de la venonta jaro

Joachim Giessner, gvidanto

**Kunsido de la Terminara Komisiono**

1. Raportoj pri
   - la traduklaboro laŭ LG II
   - la eldonado de dulingvaj terminaretoj kaj intern. reglamentoj
   - la redaktado de Te Ku
   - la reviziado de fakprelegoj
2. Difino de la sekvontjara traduklaboro
3. Pritraktado de dubaj terminoj

Gernot Ritterspach, sekretario

Kompilis ĉefkomitatano
Lucien de Sutter

## RAPORTO DE LA KASISTO 1979

| Enspezoj: | d kr |
|---|---|
| Kotizoj | 29521,82 |
| Rentumoj | 598,57 |
| Junulara fond. | 669,55 |
| | 30789,94 |
| Plielspezoj | 278,95 |
| | 31068,89 |

| Elspezoj: | d kr |
|---|---|
| Int. Fervojisto | 22795,39 |
| Estraraj kunsidoj | 3275,08 |
| Administrado | 2989,05 |
| Kotizoj UEA, SAT | 383,97 |
| Reprezentado | 955,85 |
| Junulara fond. | 669,55 |
| | 31068,89 |

**Bilanco je la 31.12.1979**

| Aktivoj: | |
|---|---|
| Kaso | 4089,06 |
| Poŝtĝiro | 2184,86 |
| Konto Hjørring | 2090,50 |
| Konto Praha | 2828,47 |
| Konto Romansh | 23945,83 |
| Inventaro | 1,00 |
| | 35139,72 |

| Pasivoj: | | |
|---|---|---|
| Kongresa fond. | | 11162,27 |
| Junulara fond. | | 669,55 |
| Havaĵo | | |
| 1.1.79. | 23586,85 | |
| Malpliigo | 278,95 | |
| Havaĵo 31.12.79 | | 23307,90 |
| | | 35139,72 |

Tolne, la 11.2.1980

La kasisto:

Århus, la 13.2.1980

La revizoroj:

**Membrostato**

| Lando | 1979 | 1978 |
|---|---|---|
| Aŭstrio | 202 | 202 |
| Belgio | 50 | 50 |
| Britio | | 64 |
| Bulgario | 20 | |
| Ĉeĥoslovakio | | 60 |
| Danio | 75 | 75 |
| Finnlando | 29 | 23 |
| Francio | 403 | 403 |
| Germanio | 821 | 821 |
| Hispanio | 146 | 202 |
| Hungario | 201 | 201 |
| Italio | 133 | 130 |
| Japanio | | 25 |
| Jugoslavio | 60 | 60 |
| Nederlando | 60 | 75 |
| Norvegio | 50 | 50 |
| Pollando | 20 | |
| Rumanio | 20 | 20 |
| Svedio | 140 | 138 |
| Svislando | 79 | 90 |

## PREZENTADO DE LA VICPREZIDANT-KANDIDATO

Per ENGEN



Per ENGEN naskiĝis 01.06.1924 en Hokksund (Norvegio). Li komencis kiel aspiranto ĉe la Norvegaj Ŝtataj Fervojoj en jaro 1942, kaj li trapasis la diversajn deĵorrangojn en la funkcia servo, ĝis li en la jaro 1963 fariĝis trafikinspektoro en Hamar, distrikto de NSB.

Dum mallonga periodo li estis anstataŭanto por unu el la direktoroj en la ĉefadministracio de NSB, ĝis li fariĝis distrikĉefo por Bergen distrikto de NSB, unu el la plej signifoplenaj postenoj de la norvegaj fervojoj.

Per ENGEN fariĝis esperantisto, kiam li estis tre juna knabo, kaj li ĉiam estis ege entuziasma samideano. Precipe li montris bonegajn laborfortojn dum la organizado de la 17a kongreso de IFEF en Hamar, 1965.
Li poste kunlaboris en la Fervoja Terminaro, Norvega-Esperanto, Esperanto-Norvega, kiu aperis 1968. Li partoprenis en kelkaj IFEF-kongresoj kaj estas norvega IFEF-komitatano, krome delegito de UEA kaj landa reprezentanto en Norvegio por SAT.

## PREZENTADO DE LA SEKRETARIO-KANDIDATO

E. Henning OLSEN



E. Henning OLSEN naskiĝis en 1930 kaj komencis deĵori kiel trafikserva lernanto ĉe DSB la 1an de septembro 1947.
Li okupiĝis dum la deĵoro pri pluraj specoj de la trafiko, precipe vartrafiko (1973-79 kiel vic-estro de la kopenhaga varterminalo), kaj ekde 01.10.79 en la ĉefregadeja servo en Næstved.

Li eklernis Esperanton en 1948, aliĝis al DEFA en 1950, partoprenis la IFEF-kongresojn en Parizo (51), Verona (54), Zürich (55), Stokholmo (56), Rijeka (57), Århus (58 - kiel helpanto en la gazetara servo), Bruselo (64), Århus (73 - kiel helpanto en la gazetara servo), Swanwick (77 - helpanto en la gazetara servo), Romo (78), Turku (79 - en la gazetara servo). Aktivis en la 50aj en klubo en Kopenhago, kaj komence de la 60aj precipe en "Eldonejo KOKO". Aktivas en DEFA, i.a. depost majo 1971 kiel redaktoro de DEFA-bulteno. Kunlaboris pri ellaborado de novaj statuto kaj regularo de DEFA (1978), partoprenas starigon kaj evoluadon de loka (nefaka) E-unuiĝo en Næstved, kiu en sia 26-monata vivo jam 3 foje aranĝis publikan ekspozicion lige al urbaj kulturaj tagoj kaj alimaniere aktivas, i.a. per aranĝo de la dana Esperanto Jarkongreso 1980.

## REDAKTORA RAPORTO

Dum la jaro 1979 nia bulteno aperis regule, kaj ni liveris al vi entute 84 paĝojn (kiel en 1978).

Unue mi konstatas, ke post alvoko dum la IFEF-kongreso en Turku, mi ricevis artikolojn el landaj sekcioj pri ilia aktiveco. Tio tre ĝojigas min, kaj mi dankas varme la kolegojn, kiuj kuraĝis verki artikolojn pri la vivo de sia asocio. Inter ili mi volas speciale mencii niajn ĉeĥajn kaj italajn geamikojn, kiuj tre regule informas nin.

Tiuokaze mi petas al ĉiuj verkontoj bonvolu pensi, ke ni ne devas - nek povas - aperigi tre longajn tekstojn en IF. Do, mi petas, ne sendu raportojn pli ol unupaĝajn.... Dankon pro via komprenemo.

Pri la enhavo de IF en 1979 mi notis ankaŭ 2 faktojn:
- la reago de niaj kolegoj de GDR (Germana Demokrata Respubliko), kiuj prave insistis, ke ni ne plu intermiksu FRG-on (Federacian Respublikon Germanio) kaj GDR-on. Estas ja mia tasko kontroli tion, sed vi mem ankaŭ povas zorgi por eviti tiun miskomprenon, kiam vi verkas.
- la rubriko "Libera Tribuno" reviglîĝis dank'al nia linca amikino G.G. La problemo, kiun ŝi starigis, ŝajne interesis kolegojn el diversaj landoj, kiuj sendis kontribuon al tiu diskuto. Tio estas eble pruvo de la intereso de la legantoj al la enhavo de IF kaj ankaŭ al la problemoj de IFEF.

Fine mi ricevis bondezirojn, kaj al ĉiuj mi ne povis respondi. Estas do bona okazo por mi reciproke deziri al vi ĉiuj - karaj legantoj - feliĉan jaron 1980, kaj denove mi diras al vi: "Skribu ĉiam pli por via IF-bulteno kaj ne timu sendi kritikojn ..". Dankon.

La redaktoro

****************************************************




## 21-a IFES en PLAN VAL GARDENA (Italio)

### GLUMARKO

Okaze de la 21-a Internacia Fervojista Esperanto-Skisemajno "IFES" en Plan Val Gardena (de la 26-a de januaro ĝis la 2-a de februaro 1980)oni eldonis dukoloran grandformatan glumarkon kun la emblemo de la IFES. Ĝi estas havebla ĉe: Kav.p.i. Germano Gimelli, Via Donato Creti, 61, I-40128 Bologna (Italio).

La kvarglumarka folio kostas 250 italajn lirojn plus la sendkoston. Pagoj per poŝtĉekkonto 19336403 titolita al IFEA (Itala Fervojista Esperanto-Asocio) en Bologna (supra adreso).

# NEKROLOGOJ

Hispanio.

La pioniro JAIME MIRÓ GINÉ, esperantisto de post 1912, forpasis en Madrido en oktobro, je la aĝo de 86 jaroj.
Li estis unu el la unuaj hispanaj fervojaj esperantistoj, kaj li agadis dum sia tuta vivo kreinte grupojn en diversaj urboj, kie li loĝis.
En 1926 li fondis la "Fervojan Esperantan Ligon" kaj, fine, en 1954 Hispanio povis aliĝi al IFEF.
En 1969, dum la kongreso de Avignon, li estis honorigita pro sia grandega laboro.

HEFA admiris lian obstinon por nia idealo, kaj IFEF ne forgesos lin.

Germanio.

La 10-an de decembro 1979 mortis en Bremen nia kolego PAUL BUCHWALD.
Kiel fervoja inĝeniero li grave kontribuis al la konstruo de la "Birdflug-linio" inter Germanio kaj Danlando. Dum longaj jaroj li estis modesta kaj tre fidela membro kaj ofte partoprenis E-aranĝojn en- kaj eksterlande.

La 18-an de decembro forlasis nin post longa malsano FRIEDRICH NICKEL, Hagen/Westfalio.
Dum la lasta renkontiĝo de la GEFA-senioroj en Kassel li jam mankis, sed en antaŭaj jaroj li vigle kaj interesigite partoprenis tiajn aranĝojn.

GEFA kaj IFEF perdis valorajn kaj fidindajn membrojn.

Ni tenu ilin en bona memoro.

Ili ripozu en paco.

IFEF

# LIBERA TRIBUNO

Noto de la redaktoro:
Sekve de la artikoloj de f-ino G. Gössl en IF 5 (paĝo 70) kaj s-ro van Leeuwen en IF 6 (paĝo 74), mi ricevis diversajn artikolojn, kiuj alportas kontribuon al la koncerna problemo. Mi publikigas nun 2 el ili (Italio kaj Danio); la aliaj(j)n vi trovos en la sekvontaj numeroj.
Rd.

- De G. Gimelli (Italio)

Al la redaktoro:

Siatempe mi legis en "Libera Tribuno" la leteron de "G.G." pri niaj IFEF-kongresoj, kaj intencis skribi al vi pri tiu temo. Iom mi hezitis, ĉar ankaŭ mi estas G.G. kaj opiniis, ke oni povis pensi, ke mi estis la aŭtoro de la pensoj "Esperanto en izolado".
Nun mi legis la malfermitan leteron de amiko Wim van Leeuwen, kaj restas al mi diri la jenon:

"Ni klopodis, klopodas kaj klopodos por ke niaj lernantoj vizitu niajn kongresojn kaj kunvenojn por havi la eblecon, ne nur perfektiĝi en la lingvoscio, sed ankaŭ enpenetri en la socian moralon de la lingvo kaj movado. Nome, mallonge, praktiki la "interna-ideo"-n de la lingvo, kiun d-ro Zamenhof aparte pripensis kaj rekomendis.
Do necesas, laŭ mia opinio, ke niaj novbakitaj esperantistoj renkontiĝos kun aliaj esperantistoj: esperantistoj kun esperantistoj, ankaŭ sen hejtigita banejo kaj eventuale ankaŭ sen "Koloseo" aŭ "Sankta Stefano" aŭ aliaj turismaj allogaĵoj. Do, laŭ mia modesta opinio, estas ni esperantistoj (novaj kaj malnovaj), kiuj devas vigligi la renkontiĝojn kaj agrabligi la debatojn kaj la kunestadon.

Certe mi komprenas bonege la

flankon de la elspezoj, ĉar kiel italo kun malforta valuto, ĉie devas pagi ankaŭ pli ol la aliaj pro la malfavora kurzo de nia liro.
Do, lasta rekomendo: igu la restadkoston por niaj renkontiĝoj plej eble malaltaj, kaj akompanu tien amase viajn lernantojn."

Germano Gimelli.

- De H. Hauge (Danio)

Al la redaktoro de IF:

Impresoj pri la kongresejo. Kiam mi legas pri iu loko, mi kutime laŭ la priskriboj imagas al mi, kiel aspektas tiu loko, kaj ofte okazas, ke la antaŭa imago tute ne similas al la posta memvido. Same okazis pri la kongresejo en America, Nederlando. Mi legis en diversaj gazetoj pri tiu kongresejo, kaj mi havis la imagon, ke ĝi estis iu netrovebla, izolita kaj primitiva konstruaĵo fore en la kamparo.
Sed kia surprizo, kiam mi en novembro vizitis la kongresejon. La estraro okazigis sian ordinaran kunvenon ĝuste tie, kaj ni tiel havis la okazon mem vidi la tutan aferon. Kaj ĝi ege plaĉis al mi.
La bangaloj, en kiuj la kongresanoj devas loĝi estas tre modernaj domoj kun ĉiuj modernaj instalaĵoj kaj ĉiuj bezonaĵoj por travivi agrablan semajnon - aŭ eĉ pliajn.
En la centro estas granda butiko, en kiu oni povas aĉeti ĉiajn ĉiutagajn bezonaĵojn, kaj ĉiujn manĝaĵojn oni ricevas en granda bone ekipita restoracio.
Kaj kion fari, se oni ne emas partopreni la kongresajn kunsidojn? Ekzistas multaj eblecoj. En la bangalo vi povas rigardi mi ne scias kiom da televidaj programoj, trinkante bonkvalitan malmultekostan vinon, aĉetitan en la antaŭe menciita butiko. Aŭ vi povas iri al unu el la tri restoracioj, kiuj ankaŭ troviĝas en la centro. Vi povas ludi keglojn aŭ tenison. Vi povas lui biciklon kaj veturi por rigardi la ĉirkaŭaĵon, kaj se vi post tiuj aktivecoj iom ŝvitas, vi povas refresiĝi en la lago aŭ en la naĝejo, kiu havas varmigitan akvon.

Laŭ mi unu semajno ne sufiĉas por provi ĉiujn eblecojn, sed se vi tamen havas iom da libera tempo, vi facile povas atingi la stacion Horst-Sevenum piede aŭ per taksio, kaj de tie vi povas vojaĝi al la grandaj urboj, kie certe troviĝas aliaj eblecoj por distri vin.
Mi almenaŭ ne post tiu vizito timas la izolecon, ĉar efektive ĝi nur ekzistas en la fantazio de LKK. Cetere vi ja facile trovos aliajn kongresanojn en la proksimeco kaj do havos unikan eblecon por paroli la internacian lingvon, kaj ĉu ne ankaŭ tio estas kongresa celo?
Mi konsilas al tiuj, kiuj ankoraŭ ne decidis aliĝi, ne faru al vi imagojn pri la kongresejo, ne timu izolecon. Venu mem por konstati, ke la vero estas tute alia.

Henning Hauge

---

## LA FERVOJA LEKSIKONO.

FERVOJA LEKSIKONO franca-Esperanta, 165 paĝoj en formato 15 x 21 cm, kun indekso en Esperanto kaj diversaj listoj.
Mendu rekte ĉe s-ro BLONDEAUX, Rue de Glévian, 29125 Loctudi, sendante 26 FF al lia poŝta konto n-ro 10 094-42 A - Paris - bankĉekkonto neakceptebla.
Ne-fervojistoj bonvolu mendi la libron ĉe UFE-Paris aŭ ĉe UEA, Rotterdam.

---

## VIA KALENDARO POR 1980

65-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO.
Stockholmo (Svedujo) 1980 08 02-09
Konstanta adreso: Nwe. Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando.
Adreso de LKK: Box 4009, S-122 04 Stockholm-Enskede, Svedujo.

- - - - - - -

ESPERANTISTA KULTURDOMO
Kastelo Grésillon
F-49150 Baugé

Kiel kutime, la somera sezono en "Grésillon" 1-a de julio/ 1-a de septembro 1980 dividiĝos en tri ĉefaj periodoj:

Unua periodo: Prelegoj
de mardo la 1-a de julio ĝis lundo la 21-a de julio
- diverstemaj prelegoj
- Diskutoj
- Praktikado kaj studado de la lingvo
- Ekskursoj

Dua periodo: Kursoj
de merkredo la 23-a de julio ĝis lundo la 11-a de aŭgusto
- Rektmetoda kurso por komencantoj
- Grupa praktikado
- Studado de la lingvo (tradukado, studado de verkoj ...)
- Manlaboroj
- Ekskursoj

Tria periodo: Artlaboro
de merkredo la 13-a de aŭgusto ĝis lundo la 1-a de septembro
- Fotoarto (fotado, rivelado, prezento de fotoj ...)
- Folkloraj dancoj
- Studado kaj praktiko de la lingvo
- Ekskursoj

N.B. Sesioj de ekzamenoj estos organizitaj, kvankam la celo de la kursoj ne estas la preparado de tiuj ekzamenoj.

Petu pliajn informojn, tarifojn, ĉe la ĉi-supra adreso, kontraŭ respondkuponoj. Enskribiĝu sufiĉe frue.

---

ESPERANTO-SOCIETO UNUECO
Krommenie/Assendelft (Nederlando)
Sekretario: J. Th. Fischer
1562 TD Krommenie,
1979 11 07
Gagarinstraat 104

Kiel jam dum pli ol 20 antaŭaj jaroj ankaŭ en 1980 la Esperanto-societo UNUECO okazigos "Internacian Esperanto-Ferio-Semajno"n, ĉifoje en la kadro de la 700-jarfesto de Krommeniedijk. La datoj estas jenaj: 10-a ĝis la 17-a de aŭgusto 1980, limdato por la aliĝo: 1-a de majo 1980. Prezo 220,- nederlandaj guldenoj. Informojn kaj aliĝilon eksterlandaj geesperantistoj petu ĉe la sekretario.

---

UNUA TUT-AMERIKA E-KONGRESO

Al la esperantistaro de la tuta mondo ni informas ke de la 12-a ĝis la 15-a de julio 1980 okazos en la urbo San Luis, Argentino, la Unua Tut-Amerika Esperanto-Kongreso.
La organizantoj entreprenis la starigon de aktuala impona ekspozicio, kaj tial oni petas esperantistojn de la tuta mondo, ke ili sendu salutojn por la kongreso. Libroj, revuoj, bultenoj en Esperanto estos bonvenataj.
Bonvolu adresi vian korespondadon al: 1-a Tut-Amerika Esperanto-Kongreso, Casilla Correo Central 289, 2000 Rosario - Argentino.

Enrique Kohei
respondeculo pri Internaciaj Rilatoj

KOREKTO

Sur paĝo 71 (IF 6/79) estas skribita: "la unua korektfolio por la IFEF-statuto estas trovebla sur paĝo 92 de 6/76" - Bonvolu legi "6/77".

# EL NIAJ LANDAJ SEKCIOJ

Italio.

"Ferbo-79".
La Fervojistoj de Bologna, pere de "Dopolavoro Ferroviario" (Itala FISAIC-Sekcio), entreprenis gravan kulturan penadon, nome la eldonadon de du-voluma libro: "I ferrovieri sulle strade ferrate dell'Emilia-Romagna" (La fervojistoj sur la fervoj-linioj de Emilia-Romagna) kun antaŭparolo de la Ĝenerala Direktoro de FS, d-ro Ercole Semenza.

La manifestacio entenis, krom la prezentado de la libro, plurajn elmontrojn: Nacian prezentadon de infan-desegnaĵoj (oportune dediĉita al la Internacia Jaro de la Infanoj); de hobioj kaj kolektado, de filatelio, fotografio, fervojaj modeloj, fine ekspoziciojn vidan kaj dokumentitan pri Esperanto.
En la kadro de tiu grava kultura evento la Bologna Esperantistaro grave rolis. La jam cititaj elmontroj, inaŭguritaj la 24-an de oktobro de la Fervoja Departementestro inĝ. Ricciardi, daŭris ĝis la 4-a de novembro kun multnombraj vizitantoj, precipe grupoj da geknaboj de la Bolognaj lernejoj, akompanataj de la instruistoj.
Sed la plej trafa Esperanto-manifestacio okazis la 4-an de novembro en la kinejo "Settebello", kie okazis konferenco-debato de d-ro Menabene el Romo pri la temo: "La lingva problemo en la internacia laborista medio".
Enkondukis la manifestacion s-roj Ceci, prezidanto, kaj Turrini, kultura konsilanto, kiuj en la nomo de "Dopolavoro Ferroviario", kiu gastigis nin, dankis kaj bonvenigis la ĉeestantojn kaj premiis niajn aktivulojn per arta ŝildo aparte eldonita memore de "Ferbo 79". Ĉeestis prof-ro Dazzini, prezidanto de Itala Esperanto Federacio, kiu mallonge salutis la ĉeestantojn kaj dankante gratulis la organizantojn.
Ankaŭ tri eksterlandaj samideanoj, kiuj ĉeestis, salutis la ĉeestantaro, Kolego Karl Pscheidt el Germanio inter alie invitis al la postvenonta IFEF-kongreso, kiu ĝuste okazos en lia urbo Regensburg, la iama romia "Ratisbona", dum la jaro 1981. Du pollandaj samideanoj portis la salutojn de la lando de nia majstro, kaj de ilia urbo Krakow, ĝemeligita kun Bologna.
Post la debato la konata Esperanto-kantaŭtoro Gianfranco Molle el Romo kun la kantistino Marcella prezentis tre interesan programon de Esperanto-kanzonoj.
Dum paŭzo oni disdonis la diplomojn al la pasintjaraj kursanoj kaj anoncis la tujan komencon de pluraj Esperanto-kursoj en Bologna, ĉe DLF kaj aliloke. Plie oni disdonis pli ol 100 atestojn de partopreno en la Esperanto-kursoj starigitaj ĉe la elementaj kaj mezgradaj lernejoj de la urbo.

Germano Gimelli

Danio:
Dum la reprezentantara kunveno de DJIF (Sporta kaj Libertempa Asocio de la Danaj Fervojoj) - la dana FISAIC-sekcio -oni atribuis al DEFA Honorpokalon pro alta aktivecnivelo kaj efika laboro dum la pasinta jaro.
Krome al la prezidanto de DEFA, Henning Hauge, oni donis gvidant-

pokalon pro bona kaj efika gvidado de asocio.
Dum la tuta kunveno oni povis senti la rekonon kaj la bonan reputacion, kiun ĝuas la esperantanoj en tiu "ekstermovada" medio.

DJIF estas dividita en 3 fakojn, la sportan, la kulturan kaj la muzikan.
Esperanto kompreneble apartenas al la kultura, kune kun briĝo, folkloro, fotado kaj mallarĝ-filmado, arto, radiofonio, kolektantoj, ĥorkantado kaj veteranoj.
Ĉiu el la tri fakoj havas estraron, kaj ĉar la prezidanto de la Kultura Fako pro maljuniĝo kaj multjara deĵoro deziris retiriĝi, oni elektis kiel novan "kulturan" prezidanton Henning Hauge, DEFA.

DEFA

## Dana Esperanto Jarkongreso 1980.

Kune kun la aliaj danaj Esperanto-organizoj DEFA okazigos jarkongreson en la sudselanda urbo Næstved dum la semajnfino 11-a - 13-a de aprilo 1980.

La programo ampleksas - krom la ĝeneralajn kunvenojn - prelegserion pri ENERGIO (dum kiu prelegos i a parlamentano Erik Holst, prezidanto de la energikomisiono de la dana parlamento, kaj kontorestro en la ŝtata revizia departemento, la konata esperantano Svend Dragsted) kaj la kutimajn malstreĉigajn erojn: sabatvesperan feston, promenadon tra interesaj urbopartoj, ekskurson al vitrofarejo ktp.

Petu la invitbroŝuron kun multaj utilaj informoj ĉe:
Dana Esperanto-Jarkongreso,
Fyrrevænget 4, DK-4700 Næstved.

Kaj bonvenon al Næstved, urbo malnova laŭ jaroj, sed juna laŭ animo - urbo kun aktiva Esperanto-agado.

DEFA



# Gravaj Enhavaĵoj



La redaktofino por la venonta IF estas 10.03.80.

Preso: Esperanto-Centro, Århus.